1a Jaro — No 22 ★ ĈIUDUSEMAJNE ★ 8 Novembro 1931

# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia

## Sur la pac-vojo

En nia numero de la 27 septembro ni parolis pri la letero de franca katoliko al germana katoliko. La paco ne povas ekzisti sen reciproka kompreno kaj interkonsento. Kaj sincera interŝanĝo de pensoj kaj opinioj estas necesa por krei tiun reciprokan komprenon, kiu malfermos la vojon al amika interkonsento. La letero de S-ro Robert d'Harcourt kaŭzis okazon de tia interŝanĝo. Tial oni devas esti kontenta pri ĝia apero. Ĝi ja povas kunlabori al starigo de pli firma paco inter Germanujo kaj Francujo, kaj konsekvence en tuta Eŭropo mem.

D-ro Scharp, direktoro de la *Rhein-Mainische Volkszeitung*, kiu publikigis en Germanujo la leteron de la franca katoliko, verkis respondon al S-ro d'Harcourt sub la titolo: « Das tragische Missverständnis: La tragedia miskompreneco ». La letero de D-ro Scharp ne malhavas intereson; ĝi ja ebligas koni la spiritstaton de la mezklasa Germano.

El ĝi oni komprenas la amarecon, kiu estas en la koro de la germana popolo, de post la milito 1914 — 18, kiun ĝi malgajnis. Subite ĝi sin sentis venkita. Tiu sento naskis disreviĝon kruelan. Kaj la Versailles-kontrakto ne ebligis pacon de reamikiĝo, sed kaŭzis pacon de humiligo. Tiun humiligon, la germana popolo ĝin profunde suferis. Poste la ripardemando pligravigis ankoraŭ la situacion. Dum en Francujo, kie granda landparto estis per la milito ruinigita, oni konsideris la riparojn kiel justaĵojn, male la Germanoj rigardis ilin kiel rimedo por daŭre subpremi sian patrujon. Sekve la germana popolo enkore ribelis kontraŭ la riparoj.

La vorto « sekureco » ne havas la saman sencon ambaŭflanke de la Rejno. En Germanujo oni ne komprenas, ke la Francoj havas timojn pri ilia landa sekureco, ĉar Francujo povas havi tiom da soldatoj, kiujn ĝi deziras, dum Germanujo havas la manojn ligitajn per la Versailles-pakto. Plie Germanujo ne havas intencon ataki Francujon milite. Dum Francujo postulas fundamentojn pri sia sekureco, por konsenti senarmiĝon, Germanujo pretendas, ke la senarmigo estas postulato por la sekureco.

Neeble estas do nei, ke ekzistas multe da miskomprenoj inter Germanoj kaj Francoj.



MANIFESTADO
KIU NE LABORAS POR LA PACO

D-ro Scharp respondas la plendon de S-ro d'Harcourt pri la militaj manifestadoj kaj paradoj en Germanujo. Ili ne havus la gravecon, kiun al ili donas la Francoj. Germanoj ŝatas ja kostumajn paradojn militaspektajn, Sed tiaj manifestadoj ne estas ĉiufoje minacoj al la paco. Ni konsentas pri tio. Tamen neniu povas nei la militemajn paroladojn diritajn en tiaj okazoj de partiestroj. Kaj antaŭ nelonge resonis en Francujon venĝemaj kaj militemaj eĥoj de Hitleraj kaj Hugenbergaj disĉiploj. Ĉu vere tiuj deklaroj ne estas minacoj al la paco? Certe estas tamen, ke ili estas gravaj baroj sur la pacvojo!

Ankoraŭ pli bedaŭrindaj estas la baroj de la katolika gazetaro germana ĉiutage metitaj trans la pac-vojon, kaj kiuj semas kaj kreskigas malkonfidon kaj malamon en la korojn de en Kristo fratoj. D-ro Scharp tute silentas pri la sintenado de la plimulto de la katolikaj gazetoj en Germanujo. Kion oni devas pensi pri grandliteraj titoloj, kiel ĉi tiuj: « Das sadistiche Frankreich, das blutgierige Frankreich, das hysterische Frankreich: Francujo sadika, histera kaj sangtrinkula. » Se la germanaj katolikoj vere deziras la pacon — kaj ni ne dubas, ke almenaŭ multaj el ili sincere ĝin volas — ili devas ŝanĝi la esprimojn de ilia gazetaro. Ho! ni plezure aldonas, ke ne ĉiuj katolikaj gazetoj en Germanujo utilas tiajn parolojn kontraŭ Francujo. Sed tamen estas ankoraŭ tro multaj kaj ĉefe tro gravaj.

La ambaŭflankaj amikoj de repacigo devas unuigi siajn fortojn por ke finfine ili gajnu la batalon por firma paco inter siaj ambaŭ landoj. Sur la pac-vojo la unua paŝo farota estas interkompreno; due ne plu diskuti pri la estinteco sed kontraŭe atentigi pri la komunaj interesoj, kiuj devas kunigi la ambaŭ landojn; kaj fine esprimi per ĉiuj siaj agoj la pacdeziron en komuneco de interesoj. Tiam naskos reciproka konfido, kiu senarmigos la brakojn kaj la korojn.

GEORGES RAMBOUX, *presbitero*.

SCIENCO KAJ RELIGIO

## La Papo inaŭguras Belinografon en la Radio-stacio de la Vatikano

Ni jam diris, ke S-ro Eduardo Belin, la franca elpensinto de aparato, kiu permesas transsendi fotografaĵojn kaj dokumentojn rapidege kaj ekzakte tra la etero, oferdonacis aparaton al Lia Papa Moŝto. Tiu ĉi belinografo estis instalita en ĉambro de la radiostacio de la Vatikana Urbo.



PIO XI-A INAŬGURAS BELINOGRAFON EN LA VATIKANO
Maldekstre de la Papo, S-roj Belin kaj de Fontenay; malantaŭe, S-ro Serafini; dekstre, P. Gianfrangeschi.
(Tiu ĉi fotografaĵo estis tuj transsendita al Parizo, pere de la Belinografo.)

### Kiel funkcias la belinografo

Ni unue klarigos la funkciadon de la transsenda posteno.

Pozitiva fotografaĵo ordinara sur papero estas ĉirkaŭvolvita sur cilindron, kiu kapablas turni sur si mem, dum ĝi samtempe delokiĝas laŭlonge de ĝia akso. Luma peniko devenanta el fiksa lampo, estas direktita al la cilindro, tiele ke la tuta surfaco de la bildo estos lumigata, kiam la volvaĵo turnanta estos transpasinta antaŭ ĝi.

La lumo de la fotografaĵo reflektita estas ricevita per objektivo malantaŭ kiu turnas disko provizita per radodentoj, por ŝanĝi la lumradion seninterrompan en multaj punktoj intermitaj. Rimarku ni, ke tiuj « lumaj punktoj » havas varieblan intensecon, ĉar unuj estas reflektataj per blanka surfaco, la aliaj per surfacoj pli aŭ malpli helaj de la fotografaĵo.

Post la radodenta disko estas lokita fotoelektra ampolo, kies rolo bone konata estas ŝanĝi la lumajn intensecojn de ĝi ricevitajn en respondaj elektraj intensecoj. La pli malpli intensaj kurantoj tiele kaŭzitaj transpasas transformatoron, kaj estas amplifikitaj pere de radio-lampoj je tri elektrodoj, kaj fine senditaj al la ricevposteno. La transsendo okazas ĉu pere de ordinara telefonia linio, ĉu pere de radiotelegrafia posteno.

Nun vidu ni, kio okazas ĉe la ricev-posteno.

Je ilia alveno la signoj estas unue plifortigitaj pere de nova amplifikacio. Poste oni devas ilin denove ŝanĝi en lumaj intensoj. Por tio oni uzas spegul-oscilografon, sur kiu falas lumo de elektra lampo. La kurantoj, pli malpli intensaj, influantaj la oscilografon, altruda al la spegulo delokiĝojn pli malpli grandajn. La radio de tiu lasta reflektita estas direktita al specialforma diafragmo, konstruita por moduli la luman intensecon laŭ la punkto, kie ĝi estas transpasita. Oni devas nun alkonduki, pere de optikilo, la modulan lumradion al la enirejo de senluma kamero, kie troviĝas turnanta cilindro, simila al tiu de la transsenda posteno, sur kiu estas ĉirkaŭvolvita fotografa paperfolio. Kiam la tuta surfaco estas impresita, oni rivelas por havi kopion tute similan al la originalaĵo.

Kompreneble niaj klarigoj ne estas kompletaj. Tamen ili tute sufiĉas, por ke niaj ŝatataj legantoj havu ian konon pri la funkciado de belinografo. Aldonu ni ankoraŭ, ke necese estas, por ke la reznltatoj estu kontentigaj, ke la senda kaj riceva cilindroj turnu ekzakte laŭ sama rapideco. La samtempeco estis trafata de S-ro Belin pere de diapazono, kiu reguligas la rapidecon de la motoroj. La transsendo pere de telefoniaj kabloj estas pli sukcesa ofte ol tiu pere de radio-telegrafio, sekve de la renkonteblaj malfacilaĵoj, kiel ekzemple la fadingo kaj la parazitoj.

### La solena inaŭguro

La inaŭguro de la belinograf-aparato en la Vatikano okazis, sabaton la 24 oktobro, je la 13-a (Itala tempo).

Lia Papa Moŝto alvenis al la radio-stacio de la Vatikana Urbo, akompanita de Msro Caccia-Dominioni, lia ĉambro-mastro, en unu el siaj aŭtomobiloj.

Elaŭtomobiliĝante Pio XI-a salutis kaj benis la ĉeestantajn eminentulojn: Kardinalo Pacelli, ŝtata sekretario, S-ro Serefani, guberniestro de la Vatikana Urbo, NN. SS. Pizzardo, Ottoviani, Hertzog, Vanneuville, Fontenelle, S-ro de Fontenay, franca ambasadoro ĉe la Sankta-Seĝo, kaj S-ro Eduardo Belin, la elpensinto.

— Ni venas, diris la Papo franclingve, por ĝui sciencan horon.

La protokolo disponigis pezan fotelon ruĝkoloran por la Papo. Sed Pio XI-a ne volis sidiĝi. Li volis atente kaj scivoleme sekvi la transsendon tute ĉe la aparato mem. Tial li demetis la pezan ruĝan mantelon kaj la ĉapelon per oraj kvastoj ornamitan. Kaj li alproksimiĝis, por aŭskulti la klarigojn de S-ro Belin, dume li esplore palpas la aparaton, kaj ĉiuflanke ekzamenas ĝin.

— Jes, mi komprenas, la ilo sendas lumon malantaŭen.

La franca ambasadoro ĉe la Sankta-Seĝo rimarkigas al la Sankta-Patro, ke S-ro Belin esploris dum dudek kvin jaroj. La Papo afable ridetis. La elpensinto profitas la okazon por diri:

— Akceptante tiun aparaton, Via Sankta Moŝto kronis mian karieron.

Manklakante Pio XI-a protestas:

— Ho! Ho! Ŝajnas al Ni, ke vi trorapide finigas vian karieron. Ne! Ĝin daŭrigu!

Sed la belinografo ekfunkcias por ricevi mesaĝon el Parizo. Estas fotografaĵo, kiu montras Kardinalon Verdier, ĉefepiskopo de Parizo, kaj Msron Levame, aŭditoro ĉe la nunciejo, antaŭ la misia pavilono de la Kolonia Ekspozicio kaj skribaĵo.

## La katolika gazetaro kaj la nia

La germana ĉiusemajna gazeto *Katholisches Sonntagsblatt der Erzdiöcese Breslau* daŭre reproduktas informojn, kiuj aperis en K. V., menciante nian gazeton. Numeroj de julio kaj aŭgusto enhavis katolikajn sciigojn el diversaj landoj kaj en la numero de la 11 oktobro estis represita nia ĉefartikolo: « Reiro al barbareco — La ŝtata sklaveco en Sovet-Rusujo », tradukita de nia fervora amiko Paul König.

La dana revuo *Universal*, el Haderslev, represis, en sia numero de la 25 oktobro, artikolojn pri Konnersreuth kaj pri la Sankta-Seĝo kaj la dato de Pasko el K. V. en sia esperantlingva rubriko.

La plej grava katolika ĵurnalo el Francujo: *La Croix*, represis, en sia numero de la 29 oktobro, la manifeston de la germanaj katolikoj por la paco. Antaŭe neniu katolika franca gazeto sciigis siajn legantojn pri tiu grava paca proklamo.





## La Papo inaŭguras Belinografon

(*Daŭrigo.*)

Lia Papa Moŝto kortuŝe akceptas la fotografaĵon kaj la mesaĝon de Lia Kardinala Moŝto Verdier, kies teksto estis jena:

« La kardinalo ĉefepiskopo de Parizo estas profunde emociata per la penso, ke la unua dokumento produktata pere de la belinografo de la Vatikana Urbo alportas al la Papo de la misioj kaj de la paco, kune kun sia filia respektesprimo, ateston pri la frateco en Nia-Sinjoro Jesu-Kristo kaj esperojn pri la progresado de nia Kredo, kiu alkondukas milionojn da vizitantoj al tiu misi-pavilono, kie vibras la sindonema animo de nia bela Kolonia Ekspozicio. »

— Mirinde estas, diras la Papo, atente rigardante la ricevaĵon.

### Sciencula Papo

Pio XI-a ŝajne forgesas por momento, ke li estas Papo. En la ĉambro de la radio-posteno estas nur la scienculo kune kun aliaj scienculoj, S-ro Belin, kaj liaj helpantoj; S-ro Inĝeniero Masson kaj la funkcianto Cagnon. La Sankta-Patro parolas pri sciencaj provoj diversaj, pri la kredo necesa al la scienculoj por trafi sukceson kaj senripoze daŭrigi iliajn eksperimentojn. Li parolas pri Edison, kiu jus mortis, kaj kun kiu li havis leterajn rilatojn. Kaj Pio XI-a, kiu jam instaligis radio-postenon, elektran centrejon kaj ĉiujn modernajn progresojn en la Vatikanan Urbon, sin montras tre interesiĝanta pri ĉiu scienca problemo. Jen do la riprezentanto la plej rajtigata de Katolikismo, la sendiskute obeata estro de la Eklezio, de tiu Katolika Eklezio tiel ofte montrata de ĝiaj kalumniantoj kiel esenca kontraŭulo de la scienco! Ĉu li evidente kaj fakte ne rifutas la asertojn de la malamikoj de la Eklezio? Ĉu nuntempe kiel estinte la Papo ne estas la protektanto de la Scienco? Ĉu Pio XI-a ne estas sciencula Papo?

Nun oni baldaŭ transsendos Parizon la fotografaĵon de la inaŭguro, kiun jus faris S-ro Felici, la Vatikana fotografisto, kaj kiun ni reproduktas ĉi tie, por ilustri tiun raporton.

— Ni tuj transsendos, sciigas S-ro Belin.

— Antaŭen al Parizo, respondas la Papo.

Kaj la aparato ekfunkcias, sursuras.

— Oni aŭdas la fotografadon, rediras Pio XI-a.

Kaj la Papo daŭras sian afablan konversacion kun sia ĉirkaŭantaro. Li gratulas S-ron Eduardon Belin kaj lin dankas pro la bela donaco, kiu tiel bele ornamas la radiopostenon de la Vatikana Urbo. Sed la tempo forflugis. Jam unu horon kaj tridek minutojn la Papo estas tie, kaj li devas foriri.

— Ni benas vin, ĉiujn, diras Pio XI-a, levante la manon en bengesto kaj ĝentile ridante.

Kaj la Sankta-Patro enaŭtomobiliĝas denove por reiri sian palacon.

Jen finiĝis nova episodo grava en la historio de la Papeco kaj de la katolika Eklezio.

PETRANO.

# INFORMOJ EL LITOVUJO

### Aŭroro de Katolika Universitato

La du lasttempe okazintaj konferencoj: tiu de la Katolika Agado kaj tiu de la studentaro, decidis la fondon de Katolika Universitato.

### Konferenco de la Studenta Unuiĝo

La Studenta Unuiĝo « Ateitininkai » okazis konferencon la 26—27 septembro lasta. La unua tago estis komuna prelego de D-ro L. Bistras pri sociala edukado de junularo kaj parolado porvirina de S-ino P. Ladygiene « Virina movado kaj ĝia vojo en estonto ». Vespere estis pekkonfeso de partoprenantaj studentoj.

La dua tago matene estis solena komuniomeso en ĉeesto de dek korporaciaj standardoj, poste prelego de D-ro Ruginis pri la kulturo de animo kaj aliaj organizaj aferoj.

Konferencantoj decidis jenon: saluti la Sanktan-Patron kaj la ĉefepiskopon Skvireckas; entuziasma deziresprimo al ĉefestraro de la Unuiĝo, por ke ĝi laŭeble klopodu kunagi por fondi sian *Alma Mater*; instigo de junularo al karitataj kaj socialaj agadoj, k a. Vizitis la konferencon 76 riprezentantoj kaj 442 gastoj.

### Konferenco de la Katolika Agado kaj Socia Semajno

La 6 oktobro, Konferencon de la Katolika Agado malfermis vicprezidanto D-ro Karvelis. Post preĝo okazis elekto de honora prezidantaro. Estis elektitaj: Lia Eksc. ĉefepiskopo Bartoloni (papa nuncio elpelita), kies seĝo dum tuta konferenco vakadis, Ĉefepiskopo de Kaŭnas kaj tuta episkoparo. Plue estis diversaj salutadoj, el kiuj distingiĝis tiu de Profesoro P. Dovydaitis. Li salutis nome de la junularo, al kiu estas nun neeble studi ĉe katolikaj profesoroj, al kiuj ateistaj profesoroj prelegas malnovaĵojn, kiel la lastan sciencan vorton. Unua prelego estis de Profesoro Pakŝtas « Katolikoj kaj la altaj lernejoj », kies ĉefkonkludo estis: Katolika Universitato en Litovujo estas katolika vivdemando. Post diskutado tuta kunvenintaro decidis jenon: « La Centro de la Katolika Agado petas la litovan episkoparon, por ke ĝi plej rapide kreu fondigan organon de Katolika Universitato. » Tio kaŭzis plej grandan entuziasmon en la kunveno.

La 7 oktobro matene, en la baziliko estis celebrita S. Meso je intenco: Dio benu kaj helpu la fondon de Universitato. Poste estis prelegoj de Profesoro Česnys pri « Religio ne estas privataĵo », de Pastro J. Česaitis pri la « Encikliko *Casti connubii* kaj la familio ».



Prof. D-ro KAZYS PAKŠTAS
Prezidanto de la katolika federacio « Ateitininkai », rektoro de la estonta katolika universitato.

Plue oni decidis telegrame danki al la Sankta Patro pro kuraĝigaj vortoj kaj esprimi koralligitecon plenan; saluti malsanan Msron Faidutti, afergvidanto de la Sankta-Seĝo.

Denove oni aŭdis prelegojn. Pastro D-ro Usorius pritraktis la temon « Katolika Agado kaj familio », kie montritaj estis danĝeroj al familivivo, el urba vivo kaj moderna idearo. Profesoro Kanoniko Kuraitis pri « El enciklikO *Quadragesimo Anno*, siaj notindaj trajtoj ». Sekve konferencon surprizigis malpermeso paroli al Profesoro Dovydaitis kaj S-ro Furauskas. Ĉi tagaj kunsidoj finiĝis per prelego de Prelato Borisevičius pri la « Devoj de propreco kaj karitatagado. »

La 8, Diservo por mortintoj komencigis la tagordon. D-ro Bistras pritraktis jenon: « Civitanaj kaj ŝtataj devoj en lumo de papaj enciklikoj ». Pastro Profesoro Maliauskis populare parolis pri preso, kiel plej moderna armilo precipe kontraŭ bolŝevismo, tiel proksima al nia lando. Episkopo Reinys parolis pri la Encikliko (1931-VI-29), pri la Katolika Agado.

La 9, diversaj diskutadoj, decidoj, inter kiuj distingiĝas: peto, ke registaro reguligu siajn interrilatojn kun la Sankta-Seĝo; alvoko al karitatagoj; atentigo pri preso, k. a.

Poste estis anoncita decido de la episkoparo al peto de konferencanoj: al fondiga organo de Universitato estis destinitaj profesoroj: Tumenas, Pastro Malakauskis, Pakŝtas, kiu aklamita de la kunveno estis kiel unua rektoro estonta, D-ro Karvelis, D-ro Eretas, kiun oni entuziasmege akceptis kaj tuj ekmontriĝis tiucele oferemeco de estantoj: patroj franciskanoj oferas 1.000 lidojn, same patroj marianoj, unu pastro 5.000 lid., alia dum 10 jaroj po 1.000, anonima persono 5.000, pli poste ankoraŭ du profesoroj dum 10 jaroj po 1.000 lidojn. Ankaŭ oni decidis planon pri plua subteno de la Universitato.

Je la 12-a estis funebra minuto de Vilnius, tuta konferenco preĝis « Saluton Mario », ke historia ĉefurbo nia fariĝu nia ĉefurbo kaj forkantis himnon nacian.

Finfine Profesoro Dovydaitis ekhavis permeson paroli. Li pritemis: « Kio estas satano en mondo? » Interalie li diris: Satano transfiguriĝas en anĝelon de lumo (2 Kor. 11, 14) laŭ la Sankta Skribo, se tion ĉi li povas, kial li ne eblos transfiguriĝi en naciulon?

Resume, la konferenco plensukcesis, aktualaj estis la prelegoj (12), gravaj decidoj, ĝenerala ĉefideo estis: ni fondu Katolikan Universitaton, aktiva partopreno, la halo ĉiam plenigita estis de vilaĝanoj kaj inteligentuloj, proksimume mil personoj partoprenis. Detale: Registrigitaj estis 797, riprezentantoj de fakoj 204, gastoj 593. Nur pastroj 166, viroj 418, virinoj 213.

LITOVANO.

P. S. Intertempe la tuta Fakultato de Teologio-filozofio, laŭ interkonsento kun la registaro, daŭre agos ĉi-jare, kiel pasintjare. Venontjare eble jam ekfunkcios la katolika *Alma Mater* en nia lando.

## La kulto al sankta Teresio el Lisieux en la tuta mondo

Ankaŭ en Munĥeno okazis grandaj oktagaj solenoj je la festotago de sankta Teresio el Lisieux. Miloj da katolikoj iris ĉiuvespere en la novkonstruitan karmelitan preĝejon dediĉitan al la Sanktulino, la helpantino de la tuta mondo, por aŭdi la ĝis koro penetrantan predikon, por preĝi kaj kanti himnon al la helpema Sanktulino. Fine de la solenajoj la piuloj aliĝis ĉe la altaro al la ligo Sankta-Teresio.

Apude estas bela kapelo sub ties altaro kuŝas el vakso formita sankta Teresio en bruna velurvesto kun monaĥina pelerino, kvazaŭ pace dormanta, ankoraŭ vivanta ĉiela estaĵo.

MARIA ŜOT.





## La Pasio-ludoj en Oberammergau

Tutmonde estas konataj la Pasio-ludoj, kiuj okazas en Oberammergau (Bavarujo), ĉiun jardekon. La lastaj okazis en 1930, kaj sekve la venontaj devos okazi nur en 1940. Sed la Pasio-ludoj en Oberammergau komencis en 1634, sekve de promeso al Dio por liberigo de la pesto, kaj por memorfesti la 300-an datrevenon de la unuaj ludoj, la loĝantoj de la malgranda urbeto intencas okazigi solenajn festojn en 1934 kaj ankaŭ prezenti denove la Pasio-ludojn.



## DE DUSEMAJNO AL ALIA



■ Msro Francisko Gossmann, titola episkopo de Castoria, kaj helpepiskopo en Vácz (Hungarujo), mortis, la 17 oktobro lasta. Li estis naskiĝinta en Soroksar, la 1 januaro 1870. Li estis elektita episkopo la 1 julio 1913.

■ Okaze de la dimanĉo dediĉita al la katolikaj misioj, Msro Karlo Salotti, titola ĉefepiskopo de Filippoli de Tracio, sekretario de la Kongregacio de la Propagando kaj prezidanto de la Asocio por la propagando de la Kredo, diris latinlingvan paroladon antaŭ la mikrofono de la Vatikana radiostacio pri la misioj. Sed ĉar la latina lingvo estas komprenata nur de malmultaj personoj, tuj la parolado de Msro Salotti estis disaŭdigita en diversaj naciaj lingvoj.

■ Ok mil Parizanoj pilgrime iris al la sanktejo de Nia-Sinjorino de Chartres, dimanĉon 18 oktobro, sub la gvidado de Kardinalo Verdier, ĉefepiskopo de Parizo.

■ El Romo oni oficiale sciigas la translokigo de Msro Karlo Kaspar, episkopo de Hradec Kralovè, al la ĉefepiskopa seĝo de Praha. Msro Maŭrico Picha, dekano de la kanonikaro de Praha, estas elektita episkopo de Hradec Kralovè. Msro Kupka, ĝis nun apostola administranto de la eparĥio de Brno, estas elektita episkopo de tiu eparĥio. Kaj fine Kanoniko Weber estas elektita episkopo de Litomeritz.

■ Okaze de la morto de la fama Usona scienculo Edison, Lia Papa Moŝto sendis kondolencojn.

■ Pastro Antonio Valente de Fonseca, paroĥestro de Cerofenta (Portugalujo), estas elektita episkopo titola de Ceramo, kaj enoficigita helpepiskopo en Vila Rial.

■ Sekve de la lastaj aranĝoj inter la Sankta-Seĝo kaj la Itala registaro, kiuj forigis la konflikton, oni esperas, ke la Papo sendos kardinalon-legaton al Padova por soleno, okaze de la jarcento de sankta Antonio. Verŝajne la legato iros al Padova, en la venonta printempo. Tiuokaze la stacidomo de la Vatikana fervojo estus inaŭgurata. Kaj la Papa legato forirus el la Vatikana Urbo, per la papa trajno, al Padova.

■ La ĉiumonata meso por la paco en Parizo okazis, la 25 oktobro, en la preĝejo Nia-Sinjorino de la Venkoj. R. P. Padé, estro de la Dominikana provinco de Francujo, celebris kaj predikis. Aldonu ni, ke de nun ankaŭ ĉiumonate estas celebrita meso por la paco en la Karmelejo de Lisieux.

■ Kardinalo Verdier, ĉefepiskopo de Parizo, solene presbiterigis, dimanĉon 25 oktobro, nigrulon, Patron Josefo Faye, el la Kongregacio de la Sankta-Spirito. La ceremonio okazis en la katedralo Nia-Sinjorino, en ĉeesto de multaj eklezianoj kaj civilaj eminentuloj. Pastro Josefo Faye naskiĝis en Senegalo kaj plenumis siajn studojn en Francujo.

■ En la festo de Kristo-Reĝo la superuloj aŭ delegitoj de ĉiuj misiaj kongregacioj kaj societoj dediĉis siajn misiojn al la Plejsankta-Koro de Jesuo, en la baziliko sur Montmartre en Parizo. Kardinalo Verdier prezidis.

■ Lia Papa Moŝto bonvolis enoficigi ĝisnunan rektoron de klerika seminario en Krakovo, D-ron Francisko Barda, kiel helpepiskopon en urbo Przemysl (Polujo) kun titolo episkopo Mediensi. Antaŭa helpepiskopo Karolo Jozefo Fischer, 85-jara, plej maljuna el ĉiuj polaj episkopoj, mortis la 21 septembro. Lian entombigon, malgraŭ pluvega tago, ĉeestis 11 episkopoj, 300 pastroj kaj proksimume 4.000 gekredanoj. La mortinta episkopo estis tre amata kaj ŝatata de ĉiuj eparĥianoj tiel pastroj kiel gelaikoj.

# Letero el Aŭstrujo

### Katolika Kongreso en Wien

La kongreso de la katolikoj de la ĉefeparĥio Vieno, okazanta depost la revolucio ĉiun duan jaron, nunjare finis la 4 oktobro post multnombraj referatoj en pli malvastaj laborrondoj per grandioza kaj edifanta ĉef kunveno sur la Heldenplatz. Post la subĉiela meso Kardinalo Piffl admonis la ĉeestantojn pli ol iam iri la savantan vojon de la fari, la malnova mizero restas. Kion povus atingi la burĝaro, se ĝi volus! Tio ja estas la granda faro de Katolikismo ke ĝi estas religio de oferoj. Super la mondon de materiaj interesaj Katolikismo konstruas mondon de pli altaj ideoj kaj motivoj. Kompreneble, se la religio helpu al la mondo devas sin renkonti religio kaj mondo. Ĉar nun religio kaj kulturo ĉiam pli malproksimiĝis unu de la



La kongresa Diservo sur Heldenplatz en Wien

kristana vero kaj amo. Ne temas klarigi la problemon de la senlaboreco, sed la komprenanta, pardonanta kaj oferanta amo devas helpi, por laŭforte forigi la mizeron. La nomon de kristano nur tiu rajte portas, kiu ankoraŭ sin sentas feliĉa, se li povas donaci ion. Sur ĉiu proprajo kuŝas, kvazaŭ hipoteko, la devo, doni el la superfluaĵo al tiuj, kun kiuj ligas nin komuna diinfaneco. La prezidanto de la Popolligo, Prof. Krasser, parolis pri la disŝirita popolkomuneco. Nur per venko pri ni mem ni ekvivos la sortligitecon kun familio, profesiaj kaj klasaj konuloj. Ankaŭ la sociala homo nur povas naskiĝi en doloroj. Pro tio ne plendi kaj akuzi pri la mankantaj pontoj inter la klasoj, sed senvorte kaj ĝoje eklabori; flegu ĉiu en sia propra rondo la veran spiriton de la komuneco. Distrikta Konsilantino Mina Wolfring gloris en ŝia parolado pri patrino kaj popolo la infanon kiel la plej grandan feliĉon, kiel la plej bela kaj riĉenhava, kion povas ekvivi virino, se ŝi rajtas krei kaj eduki homon. Malfaciligita estas la patrineco per la malamika ĉirkaŭaĵo en la ludomoj, en la proprtaj fortunoj de multaj junaj virinoj de Dio kaj Liaj leĝoj kaj en la apatio de respondecaj aŭtoritatoj kontraŭ la zorgoj de la patrinoj. Vespere P. Friedrich Muckerman, S. J., en Radio-Wien turnis alvokon al la aŭstra katolikaro pli forte aktivigi la latentajn fortojn de Katolikismo. Kio malebligas la efektivigon de la proponoj por forigi la ekonomian krizon? Estas ĉiam la sama punkto; iu devas porti oferojn. Ĉar tion neniu volas la alia, oni nun devas forigi la malhelpajojn: la tro grandan mondanecon kaj la tro malvastan eklezieecon.

### Tablo Sankta-Elizabeto

En Vieno efektivigis la « Caritas Socialis », fondajo de la ekskanceliero D-ro Seipel, kiu kun ĝiaj fratinoj kaj helpantinoj estas sub gvidado de S-ino D-ro Burjan, la planon, malfermi manĝejojn kaj kuirejojn por malriĉigitaj burĝoj dum la daŭro de la ses vintraj monatoj. Por la partopreno al ĉi tiu « Tablo Sankta-Elizabeto » oni nur postulas pagon de 20 groŝoj. La varbado por donacantoj de monataj monhelpoj aŭ manĝaĵoj, de kuiriloj kaj manĝilaroj havis tiel bonan sukceson, ke oni jam povis ekfunkcii meze de oktobro ĉi tiun plej laŭtempan karitatan verkon en preskaŭ ĉiuj distriktoj de Vieno.

### La kulto al Mario inter la studentoj

La kongreso de la regna unuiĝo de la Marianaj kongregacioj por studentoj, kiu okazis dum julio lasta, sur Freinberg en Linz, apud la Danubo, pruvis la kreskantan profundiĝon de la kongregacia penso inter la studentaro. Dum en la unua kongreso de la Marianaj studentaj kongregacioj, antaŭ dudek jarojn, en Vieno, nur ĉeestis 200 studentoj kiel riprezentantoj de 20 kongregacioj, ĉeestis la nunjaran kongreson pli ol 600 studentoj el 60 kongregacioj.

### Neceso de novaj preĝejoj

La agado, komencita de la *Zweigroschenblatt,* por konstruo de laborista preĝejo en la periferio de Vieno jam trafis sukceson, tiel ke oni povis aĉeti grundon por la preĝejo. Por eŭkaristia memorpreĝejo en Wien-Brigittenau, kiun oni volas konstrui je memoro al la eŭkaristia kongreso en Vieno en la jaro 1912, Kardinalo Piffl lasttempe benis la fundamentan ŝtonon. La grundon por la preĝejo oni jam posedas depost la jaro 1913 kaj nur la mondmilito malebligis la efektivigon de la plano. Laŭ referato de prepostoparoĥestro Uhl, dum la kongreso de la katolikoj en la ĉefeparĥio, estas proksimume cent novaj stacioj por animzorgado necesegaj. En rezulcio oni sugestis ke la Viena societo por preĝejkonstruado etendigu sian agadon al la tuta eparĥio. Se oni ja unue pro la nesufiĉaj monrimedoj devas kontentiĝi je barakapreĝejoj aŭ adaptitaj neuzataj fabrikĉambregoj, certe post kelkaj jaroj preĝejo preskaŭ el si mem venos. Kiel urĝe necesa sopiras la kongreso de la katolikoj la partigon de la paroĥegoj en animzorgdistriktojn po 10.000 animoj. Je 40 lokoj la preĝejkonstruadsocieto jam instalis helpdiservojn.

En Eggenberg, apud Graz, Princepiskopo D-ro Pawlikowski benis la fundamentan ŝtonon por paroĥa preĝejo, dediĉita al la sanktaj gardanĝeloj. Sur Niederschöckel, kelkajn horojn malproksime de Graz, oni povis konsekri helppreĝejeton, jam urĝe necesan. Ĝis nun tie oni devis diri la sanktan meson en libera aero kaj ekzistis tagoj, en kiuj pli ol 2.000 personojn partoprenis ĉi tiujn subĉielajn mesojn. Bravaj kamparanoj kaj laboristoj kunhelpis por konstrui la helppreĝejon, por ke oni havu sur la altaĵo de la monto Diservojn.

En Sankt-Peter, apud Klagenfurt, antaŭ nelonge Princepiskopo D-ro Hefter konsekris helpan preĝejon.

En Amstetten, en Malsupra Aŭstrio, en aŭgusto la episkopo de Sankt-Pölten konsekris preĝejon honore al la Plejsankta-Koro de Jesuo, finkonstruitan de la Salesianoj.

En Karintio regas, kiel ni jam unufoje raportis, manko je pastroj kaj granda nombro de la pastroj, agantaj en la lando devenas el aliaj liglandoj kaj el eksterlando. Per la politiko la malnova liberpensula liberalismo ankoraŭ havas fortan influon al la loĝantaro. Por plibonigi la animzorgadon en la ĉefurbo Klagenfurt, oni starigis en du antaŭurboj kiuj lasttempe fariĝis precipaj laboristaj kvartaloj, helppreĝejojn. Unu el ili estas konstruita per la ŝparitajoj kaj kolektajoj de malriĉaj domservistinoj kaj laboristoj.

### La katolika gejunularo

La dua jarkongreso de la katolika-germana studenta unuiĝo en aŭgusto okazis en Seckaŭ (Stirio). La unuiĝo estas alligita al la regna asocio de la katolika junularo de Aŭstrujo. Oni povis konstati, ke dum la lasta studjaro la membronombro kreskis je 26 %. Nuntempe ĉirkaŭ 3.000 gemezlernantoj estas membroj de la unuiĝo. Precipe oni akcentis la edukan laboron de la unuiĝo sur la religia, popola kaj sociala kampoj.

La regna asocio de la katolika-germana junularo nunjare kongresis en Steyr, (Supra Aŭstrio). La kongreso estis konfeso de la laboranta junularo al la sociala programo de la papoj kaj al la religia apostolado inter la urba kaj kamparana proletaro.

La zorgado por la katolika junularo, grava branĉo de la Katolika Agado ĉefe estas farata de la societo « Gaja Infaneco » Ĉi tiu orgnanizo plialtigis en la tempo de la lastaj ses monatoj la nombron de siaj lokaj grupoj de 106 al 125. De la 106 lokaj grupoj, nombrataj fine de 1930, estis prizorgataj 11.000 infanoj. En 1930 la societo elspezis por la infanprizorgado entute 596.000 ŝil. Grava subteno por la « Gaja Infaneco » estas la « Infangroŝo », de la aŭstraj katolikoj depost kelkajn jarojn ĝenerale enkondukata.

La regna asocio de la katolikaj societoj por knabinoj en Aŭstrujo, kiu nuntempe nombras pli ol 71.000 membrojn, fiksis okaze de la Viena virina kongreso jenajn direktivojn; La regna asocio, kiel organizo de la katolika virina junularo estas tiamaniere organizita, ke ĝia laborkampo entenas ne nur la junulinajn societojn, sed ankaŭ la katolikajn knabinojn el ĉiuj rondoj, ke ĝi volas helpi al ili de sociala vidpunkto kaj ne nur al la juna laboristino kaj dungitino, sed ankaŭ al la kamparana kaj studanta junularo. La regna asocio scias, ke ĝi estas destinita disponigi al la katolika virina movado spertajn, fortkarakterajn kaj sociale instruitajn fortojn kiel postkreskaĵo!

KARL DÜRSCHMID.


KATOLIKA VIVO
DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

DIREKCIO kaj REDAKCIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI
Telefono: Paris-Passy 06-30 aŭ Paris-Elysées 85-84
Telegrama adreso: Ramboux, Croibayar-Paris-86
La direktoro akceptas merkrede kaj sabate de la 14-a ĝis la 18-a, kaj laŭ interkonsento.

ADMINISTRACIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI
Poŝta ĉekkonto: Ramboux Georges, Paris nº 281.40

ABONPREZOJ:

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16.— | 8.50 |
| Por landoj kun rabata posttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato.
Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika.*
La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

Oni abonas aŭ reabonas:

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris nº 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj: Aŭstrujo, Belgujo, Ĉehoslovakujo, Danujo, Danzigo, Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto:

*Por Anglujo*: S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).
*Por Aŭstrujo*: S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto nº 122.791.
*Por Belgujo*: S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto nº 2289.27.
*Por Ĉeĥoslovakujo*: S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Košire. Poŝtkonto nº 89.927.
*Par Germanujo*: S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto nº 9.728.
*Por Hispanujo*: Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.
*Por Irlando*: S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.
*Por Nederlando*: Firmo W. van Eupen, Wal 2-a, Eindhoven. Poŝtkonto nº 19.313.
*Por Polujo*: S-ro M. Janik, Świerklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.
*Por Svislando*: S-ro Hans Finkel, Linsebühlstr. 4a, Sankt-Gallen.


*Bonvolu niaj legantoj, kiuj sciigas nin pri ŝanĝo de adreso, aldoni al sia averto sumon da 1 fr. 50 (1 respondkupono).*

---

FELIETONO DE LA 8 NOVEMBRO 1931 — 2 —




Tirola romano de H. DE ŜROT DE PELZEL.
Tradukis MARIA ŜOT.

Jen okazis io, kaj tio estis stranga; granda sopiro ŝvebis super malnova veo, estingis la malamon kaj donis al la nova eta estaĵo la nomon de l' patro. Kaj krome okazis io apud tiu granda sankta amo — kruela maljustaĵo. La patrino disponis pri la volo de la infano kaj eldiris juron. Ŝi dediĉis en tiu horo por la sacerdota profesio sian knabon, por ke ŝia korvundo sanîĝu kaj ke la patro revenu! Tri fingrojn ŝi solene suprenlevis al la blua ĉielo, kiu rigardis tra la mallarĝa ĉambra fenestro.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Pastro Brunner malfermis la okulojn kaj rektigis sin. Venis malpezaj, kvazaŭ ŝvebantaj paŝoj. Juna knabino kun gaja, aminda infanvizaĝo preterpasis la preĝejon.

— Salutu vin Dio, pastro!

— Ĉu estas vi, Barbanjo, ĉu vi iras alporti lakton?

— Jes, diris la kara estajo, estas tempo, avo volas manĝi ĉiam pli frue, kaj daŭros ne plu longe, ĝis la suno subiros.

Ambaŭ suprenrigardis. Ankoraŭ kuŝis ĉie ora brilo, sed jam ne tiom hele, estis rozkolora vesperlumeto. Sed tute supre sur la neĝaj montoj brilis kaj radiis la praneĝo en tia majesta lumo kaj nepriskribebla belego, ke ŝajnis, kvazaŭ pordo al ĉiela regno malfermiĝus — kaj senfina feliĉego venus renkonte al la homoj.

Jakob Brunner havis amplenajn meditajn okulojn, per tiuj li estis nun firme ligita al la lumantaj mirindaĵoj tie supre. Poste lia rigardo reglitis al la infano.

— Bele, ĉu ne, Barbanjo, bele ja estas ĉe ni, en nia hejmlando! Sed nun iru, kaj ne lasu atendi la avon, salutu lin de mi kaj prizorgu la maljunan viron; se vi iam estos multaĝa, tre bone faros al vi flegado kaj bonvola vorto, ĉu jes?

— Tio estas certa, sinjor' pastro.

Dirante tion, ŝi rigardis fidelkore kaj sincere en liajn okulojn kaj pluiris per malpezaj paŝoj. La maljuna sinjoro postrigardis ŝin longe, kaj ankoraŭ pli granda ĝojo montriĝis en lia vizaĝo. — Reve li tuŝis sian fronton. Ŝi estas ja sama kiel estis ŝia avino — ho Dio, tie sub la tomba monteto ŝi dormas — jam delonge... li mem fermpremis al ŝi la karajn okulojn — estis dolorega horo!

Supre sur la monto iom post iom malaperis la lumo. Ankoraŭ sidis la maljuna pastro sur la malnova preĝeja benko. Aliaj bildoj preterpasis antaŭ lia spirito. Soleca junaĝo. Stranga ŝajnis al li ĉiam la konduto de la patrino! Iam ŝi tiris lin arde karesante al sia koro, iam ŝi parolis longtempe nenion kaj estis severa kaj malĝoja. La infana koro staris antaŭ mistera enigmo, fariĝis timema kaj homevitema. Tiel pasis ses jaroj. Tiam okazis grava ŝanĝo en lia vivo. Iutage diris patrino al li:

— Adiaŭu kampon kaj domon, mia bubo, nun vi devos iri aliloken, vi devas restadi en vilaĝo por viziti lernejon. De nia domo la vojo estas tro longa; la Bretebner akceptos vin. Dum somero vi povos ree veni ĉe mi, se vi volas.

Tiam la knabo ruĝiĝis kaj koleriĝis:

— Sed mi ne volas foriri, patrino! Mi neniun amas krom vi.

Ŝi respondis:

— Vi devas tamen iri kaj obei, Jakob, se vi amas vian patrinon; pli malfrue mi diros al vi ion pli.

Kaj ili iris malsupren de la monto. Ŝi tenis tremante sian solan kaj plej karan je la manoj, kaj tiel ili malsupreniris. La patrina koro dediĉis grandan oferon. Ho, se ŝi neniam estus levinta la manon por juri! Subite la knabo haltis:

— Patrino, se vi permesus, ke mi restu ĉe vi, mi volonte irus la vojon al lernejo, kiel ajn longa ĝi estas, nur ne forsendu min!

Nun ŝi diris:

— Infano, la vojo ne estas la sola kaŭzo.

# Religia Historio de Norvegujo

Verkita de Lars Eskeland
fama Norvega edukisto
kiu konvertiĝis, en 1925, al Katolikismo.

*(Daŭrigo kaj fino.)*

**IV. — Memoraĵoj kaj konvertiĝo**

Oni petis min, ke mi parolu iom pri mia propra laboro en tiu instruado. Post tio kion mi jus diris, estus troe aldoni ion alian.

En 1895, oni komisiis al mi fondi la altan popolan lernejon de Voss, urbo lokata en granda kaj pentrinda valo en la okcidenta parto de la lando, je cent kilometroj de Bergen. La lernejo estis dum jaroj frekventita de 150 ĝis 180 lernantoj el ĉiuj regionoj el Norvegujo, Islando, Får-Oëer, Danujo, Svedujo. La lernantoj vojaĝis ofte dum unu semajno por alveni al la lernejo. Vi tion scias : Norvegujo estas tre longa !

Tiu kuniĝo de eroj tiel diversaj estas granda avantaĝo por la profesoroj kaj por la lernantoj kaj ankaŭ por nia lando tre vasta, tute ŝirata de fjordoj kaj valoj, kiuj igas la interrilatojn tre malfacilajn. Ekster la konferencoj, la lernantoj sekvas kursojn pri historio, geografio, matematiko, gimnastiko, pri manlaboroj viraj kaj virinaj. Almenaŭ unu foje en ĉiu semajno, ni kunvenigas ilin por distraj kunvenoj. Oni legas tiam la semajnan ĵurnalon de la lernejo redaktitan de komitato de lernantoj. Oni diskutas pri la demandoj, kiuj estas en la programo. Oni faras ludojn, muzikon sub la okulo de la instruistoj.

La lernantoj loĝas, junuloj kaj junulinoj, en apartaj kaj ne proksimaj domoj. En la klaso, ili estas kune, krom por gimnastiko, manlaboroj kaj higieno. La manĝejo etas komuna, la direktoro kaj sia edzino manĝas kune kun la lernantoj. En la tridek-du jaroj dum kiuj mi estris la lernejon de Voss, neniu malagrablaĵo okazis pro tio. Tamen se tiu sistemo estas bona en Norvegujo, mi ne povas certigi, ke ĝi estus ankaŭ tiel sukcesplena ekzemple en Francujo aŭ en Germanujo.

Ni klopodas por ke la lernejo estu *hejmo* kaj la sukceso pri tio dependas multe de la direktoredzino. Tiel Sinjorino Eskeland, karege memorata, faris la duonon de mia tuta laboro : sen ŝi, la tasko estus estinta malpli facila.

En 1925, mi aliĝis al Katolikismo. Cetere, mi estis katoliko en la koro de longe... La bezono de la sakramentoj, precipe de la pento-sakramento, kondukis min al la Patrino-Eklezio.

En ĉiuj protestantaj landoj, nuntempe, oni senĉese diskutas pri la personeco de Kristo. *Oni demandas : kio estas li ? Tio estas tiel danĝera kiel se en iu familio, la infanoj ne konsentus pri siaj propraj gepatroj. Tia familio ne estas vera hejmo. Same religio, kiu diskutas pri Kristo, ne povas esti Lia.* Sekve mi rifuĝis en la sinon de la katolika Eklezio. Por mia tasko, mia konvertiĝo estis forto, ĉar ĝi ankaŭ estis forto por mia animo. Sed mia decido okazigis verajn ŝtormojn, kiuj fine instigis la Senaton (Storthing) forpreni al mi la estradon de mia lernejo. Tiu decido estis despli neklarigebla, ĉar Norvegujo fieras pri sia konscienc-libereco. Efektive la statutoj de la lernejoj trudas neniun religian kredon. Ili eĉ ne postulas, ke la direktoro estu kristana. *Se mi estus neinta publike la diecon de Kristo, neniu estis pensinta forpeli min pro tiu motivo.*

Tamen, oni ne povas diri, ke la pensmaniero de la lando estas malama al Katolikismo, krom en kelkaj fanatikaj medioj, *sed la kono de vera Katolikismo mankas en ĉiuj klasoj.* Tion eble kaŭzis certa senzorgo, kiu konservas antaŭjuĝojn en la libroj por religia instruo, en kiuj ĉio estas sisteme aliformata. Tiel oni sukcesas enigi en la mensojn absurdajn asertojn. Teologistino penas de kvin jaroj, per serio da konferencoj, por ataki la Eklezion kaj la katolikan klerikaron, kiun ŝi taksas je la plej aĉa senmoraleco. La konfeso, diras ŝi, estas satana institucio, kiu deboĉigas pastrojn kaj virinojn, kiu ŝanĝas la bonon je malbono, kiu faras la blankon nigra. La Jezuitoj estas plej ŝatata celo. Multaj pastroj, profesoroj kaj eĉ lutheraj eminentuloj apogas tiun propagandon. Tamen parto el la protestanta klerikaro, same kiel la popolo, naŭzas pri tiu agado.

Precipe kontraŭ la aŭtoritato de la Eklezio protestas la lutheranoj. Ili imagas, ke ĝi nepre kunportas kun si *netoleremon.* Pro tio, ili konsideras la Papismon danĝera. Plej necese estas, sekve de tio, ke la katolikaj pastroj montru sian malestimon al la teraj bienoj, al ĉia persona regemo ; ili devas montriĝi la servantoj de ĉiuj, ĉar ili estas la servantoj de Kristo. Kiam tiu popolo amanta la liberecon komprenos tion, la timo de la aŭtoritato baldaŭ foriĝos. *Ĝi vidos kontraŭe, ke tiu aŭtoritato havas la saman dian originon, kiel la emo al bono, al sindono, al amo : tiu emo kaj tiu aŭtoritato, ambaŭ estas de la Patrino-Eklezio konservataj. Tia aŭtoritato tute ne kondukas al sklaveco, sed al libereco, ĉar ĝi formas unuon kun la Vereco, kiu nur povas igi libera.*

Cetere, memoru ni ĉiam, ke la nuntempaj protestantoj tre ofte estas bonvolemaj, sinceraj kaj forte moralaj. Ne estas ilia kulpo, se ili ne estas katolikaj.

**V. — La katolika renoviĝo en la Skandinavaj landoj.**

Svedujo havis, de pli longa tempo, ol la aliaj skandinavaj landoj, rilatojn kun Eŭropo. Tial ĝi lasis Katolikismon eniri de 1780. Tamen la pordo estas nur duone malfermata. En 1833 la Papo establas apostolan vikariejon por Svedujo kaj Norvegujo sub la direktado de Jakob Laurentius Studach el Svisujo. La preĝejo Sankta-Eŭgenio en Stokholm, konstruita en 1837, estis iniciatita de li. Ĝi estas la unua katolika preĝejo en la Nord-landoj de la Reform-tempo. Ĉio estis bona tiam, kiam nur fremduloj frekventis ĝin. Sed tuj, kiam Svedoj venis tien por serĉi la sanon, montriĝis kontraŭ-agado. En 1858 ses malriĉaj konvertitaj virinoj estas forpelataj de la lando, je la granda honto de tiu lando fama pri ĝia alta kulturo. Poste la leĝoj dolĉiĝas, sed hodiaŭ ankoraŭ, la estraro *malpermesas la fondon de ĉia monaĥejo en la lando de sankta Briĝito !* La deklaro pri la libereco en 1814 donis al Norvegujo konscienc-liberecon. La Jezuitoj kaj la Judoj tamen estis ne akceptataj. La timo pri tiuj ĉi foriĝis, ia malpermesanta leĝo estis forigita en 1851. Nur la timego pri la Jezuitoj daŭras ĉiam.

Danujo havas plenan konscienc-liberecon de 1849 ; same Islando.

Ĉirkaŭ 1840, oni konstatas ioman renoviĝon katolikan en Norvegujo. Msro Studach profitas ĝin por fondi preĝejon en Oslo kaj post iom da tempo alia preĝejo estas fondita de norvega pastro en Bergen.

Plejparte el la Nordanoj konsideras Katolikismon kiel revenanton el la Mezepoko. Tiu opinio tamen malpliiĝas pro la kreskanta nombro de la konvertitoj kaj pro eminenteco de tiuj ĉi. La konvertiĝo de Pastro Krog-Tonning, en 1900 (la plej rimarkinda teologisto de Norvegujo), multe bruis en la tuta Skadinavujo. Same kiam la dana verkisto Johannes Jœrgensen eliras el la moderna paganismo por eniri la sinon de la Eklezio. Mi citos ankoraŭ pastrojn Nils Hansen en Danujo, Nils Beskow en Svedujo, roman-verkistinon Sigrid Undset (Nobel'a Premio) en Norvegujo. Du el la plej rimarkindaj viroj de nia misio estas ankaŭ konvertitoj : Lia Moŝto Msro Offedahl kaj Sro Kjeldstrup. Same Msro Assarsson en Svedujo kaj Msro Olrik en Danujo.

En Danujo la katolikoj nombriĝas je 25.000 el popolo de 3 milionoj da homoj. La Eklezio posedas 50 staciojn en kiuj oficas 90 pastroj inter kiuj 20 estas danaj.

Svedujo havas 4.000 katolikojn el 6 milionoj da loĝantoj, 11 staciojn kaj 20 pastrojn inter kiuj 3 estas svedoj.

Norvegujo kalkulas 2.600 fidelojn el preskaŭ 3 milionoj da loĝantoj, 23 staciojn kaj 33 pastrojn inter kiuj 4 estas norvegaj. Ni havas 5 francajn Dominikanojn kaj pli ol 400 religiulinojn el diversaj kongregacioj.

Ĝeneral-maniere, la norvega popolo, precipe la kampara, konservis ĉiam la katolikajn ideojn. Tiel la kredo al la bapto kaj Eŭkaristio restis ĉiam kvazaŭ konforma al la vera doktrino (1). Malfeliĉe, tiuj ideoj malaperas pli kaj pli, de kiam la moderna teologio disvastiĝas en nia lando. Famaj verkistoj ankaŭ kontribuis al tiu malapero. Sekve oni konstatas bedaŭrindan moralan malfortiĝon ; la familioj havantaj multajn infanojn iĝas malofta ; la edzeco perdas sian sanktan karakteron. Antaŭ nelonge, ĉu oni ne proponis la leĝon *Abortus provocatus* ?

Ni trapasas nuntempe teruran ekonomian krizon, sed estas io ankoraŭ pli terura ! Mi volas paroli pri la penetro de la materiismaj, komunismaj, ateismaj ideoj, pri la falsa mistikeco, pri la plena religia indiferenteco.

Feliĉe estas homoj en tiu ĥaoso, kiuj serĉas la lumon, kiel la noktgardisto atendanta la sunleviĝon. Kelkaj el ili ekvidas la eternan lampon de la katolika sanktejo. Ĉu ĝi ne lumas el la « Monto de Saneco » ? De tie oni povas aŭdi la gravan parolon : *Venite ad me omnes !*

Kaj unu tagon, estos same kiel pri la printempo en Norvegujo : oni sin sentas ankoraŭ en plena vintro, kiam subite, la suno brilas, la suda vento blovas, la neĝo fandiĝas, la lumo malavare kovras la landon, kiu vestiĝas per verdaĵo : de la fjordoj ĝis la plej altaj montoj, ĉio floras...

*Trad.* Jean Duffaud.

(1) Cetere, multaj katolikaj teologiistoj konsentas, ke en la nordaj skandinavaj landoj konserviĝis la apostola sinsekvo, la valideco de la ordinigoj kaj sekve la valideco de la Sakramentoj.

(Noto de la Tradukinto.)

## EL LA VATIKANA URBO

**La festo de Kristo Reĝo**

Okaze de la festo de Kristo Reĝo, Lia Papa Moŝto celebris meson, dimanĉon 25 oktobro, en la baziliko Sankta-Petro. Dekdu kardinaloj ĉeestis kaj multaj fideluloj pleniĝis la vastan templon. Ankaŭ estis la tuta diplomataro.

La Papo celebris je la intencoj de lia lasta encikliko kaj por la religia paco en Hispanujo. Seminarianoj kantis dum la meso.

La entuziasmo manifestata je la alveno de la Papo cedis lokon al preĝemo kaj meditado dum la meso. La tuta ĉeestantaro preĝis kun la Suverena Pontifiko por la forigo de la ekonomia krizo, por la interpopola paco, por la religia persekutfino en Hispanujo. La Papo emocie ricitis la prefacon de Kristo Reĝo, kaj kortuŝe li donis la lastan benon al la multnombra ĉeestantaro.

Kiam Pio XI-a, post la meso, reiris tra la baziliko, aplaŭdoj kaj vivuoj akompanis lin. Ĉe la sojlo de la baziliko, la Papo returnigis la *sedia,* por denove benadi la popolon kaj dankeme respondi ĝiajn aklamadojn.

Petrano.

*Kun la permeso de la eklezaj aŭtoritatoj.*

Respondeca Redaktoro (*Gérant*) : Th. MERVILLE.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e. - Gob. 62-71

## Statistikaĵo pri Germanujo

Germanujo havas pli ol 62 milionojn da enloĝantoj ; pli ol 40 milionoj vivas en urboj. Oni nombras 750 diversajn religiajn konfesiojn, el kiuj estas 416 evangeliaj kaj 180 nekristanaj. La Germanaj katolikoj, pli ol 20 milionoj, konsistigas 32,1 procenton de la tuta enloĝantaro. El po 1.000 Germanoj estas 641 evangeliaj, 324 katolikaj kaj 25 apartenas al aliaj konfesioj.

En parlamento (Reichstag) estas 577 parlamentanoj, el ili 217 evangeliaj, 160 senkonfesiaj, 140 katolikaj ; 57 ne donas respondon.

La 20 milionoj katolikoj estas dispartigitaj en 24 eparĥioj kaj 3 eklezaj administraciaj regionoj. La plej granda katolika urbo estas München, kie vivas 554.000 katolikoj inter 700.000 enloĝantoj. En Köln estas 538.000 katolikoj inter 720.000, en Berlin 403.000 inter 4.200.000 enloĝantoj.

G. Sch.

**Nia gazeto estas ponumere aĉetebla en Parizo :**

Esperantista Centra Librejo, 11, rue de Sèvres (VIe).

Universala Oficejo Katolika, 59 ter, rue Bonaparte (VIe).

---

Ni estas tro malriĉaj, mi ne povas nutri vin ; apenaŭ la pano sufiĉas por unu. La kampo estas tro malgranda, mi iros servi. Eble, iu najbaro dungos min por taga laboro... Ho, se patro revenus !

Tranĉa singulto sufokis ŝian voĉon. Senhelpe la knabo suprenrigardis ŝin. Nun ŝi ree regis sin :

— Venu, venu ! — prenis lian manon kaj antaŭeniris per rapidaj paŝoj.

Ĉe impona bieno, iom supre de la vilaĝo, ili haltis. Tie loĝis la Bretebner. Ili renkontis lin antaŭ la pordo.

— Jen la bubo, ŝi diris ŝajne kviete, sed interne la patrina koro kriis en profunda veo.

— Bone, Gunhild, respondis la kampulo, mi volonte prenas lin.

Kaj poste :

— Nu bubo, nun vi apartenas al mi.

Samtempe li prenis la knabon kompate je la mano ; sed Jakob forturnis sin, stariĝis flanken de la patrino kaj diris obstine :

— Ne, mi ne restas ĉi tie, mi iras ree hejmen !

Ŝi volis ankoraŭ peti :

— Ne estu malmilda kun li, Bretebner — kaj vi, Dio vin gardu, mia kara bubo, estu brava, tio estas ne alie aranĝebla — sed neniu vorto, neniu sono venis el ŝia gorĝo, — tiel ŝi iris kun mallevita kapo en sian izolejon.

Jakob staris ankoraŭ tie. Li paliĝis. Io granda okazis interne de li. La unua sufero, la unua batalo en juna hombrusto, subita ekkono de ege profunda doloro, kiu peze premas lin. Li postrigardis la patrinon tiom longe ol li povis atingi ŝin per la okuloj, tiam li stariĝis kun en sia aĝo nekutima decidemo antaŭ la kampulon kaj diris :

— Lasu min iri, mi devas postiri ŝin.

Kaj liaj antaŭe tiom obstinaj knabaj okuloj rigardis nun kun profunda doloro supren al Matias Bretebner, kaj la juna koro pulsis, kvazaŭ ĝi volis disrompiĝi. La knabo retenis la larmojn kaj ŝtrece rigardis la vizaĝon de la kampulo. — Sed tiu kondukis lin senplue en la domon.

— Estu saĝa, bubo ! Povas ne esti alie, sed vi ne malbonfartos ĉe mi — certe ne malbone, nur obei vi devas kaj esti brava.

En la ĉambro estis la kampulino, la geservistoj, la Bretebner-infanoj — tri iom grandaj buboj kaj rozkolora estaĵo, Manjo. Tiu knabineto aspektis kiel Kristinfano, ŝi estis malgranda, maljam kvar-jara kaj ŝi alridetis ĉiun kaj babilis mirige ĉarme.

— Jen, diris la kampulo, tiu ĉi estas Jakob, kaj mi diras al vi ĉiuj, estu bona kun li, ne ĉagrenu lin — alie, mi intervenos.

Poste oni manĝis, sed Jakob enbuŝigis nenion kaj rigardis malgaje plankon. Li estis apud la infano — kaj en liajn mallumajn intencojn erarvagis hela voĉeto. Kiam Jakob post la manĝo staris malgaja kaj senkonsila apud la fenestro de l' ĉambro, ambaŭ manoj en la poŝo, ŝi aliretis, tiris lin ĉe la jako kaj petis :

— Vi ludu kun mi !

Nun li iom ridetis, turnis sin al ŝi, kaj ĉar krom ili neniu estis en la ĉambro, li genuis antaŭ ŝi, por ke li ne estu tro granda por ŝi, metis sian brakon ĉirkaŭ ŝian kolon kaj diris :

— Nun mi vin plej amas !

Ŝi diris « jes »... ŝi ne ĝuste sciis, kion li opinias, sed, ke tio estis io ama, tion ŝi divenis ; ĉar la vizaĝo de ŝia nova ludkamarado ardis, kaj liaj grandaj brunaj okuloj brilis. Tra la fenestro flugis sunlumoj kaj teksis por ambaŭ infanoj la fabelan veston de la infantempo. Tiam Jakob leviĝis, sidigis sin sur la forn-benkon, sed li rigardis jam ne tiom malĝoje kiel antaŭe — tamen li ne volis ludi. Lia cerbumanta kapeto estis plena de pensoj, tial li rigardis serioze antaŭ sin... kaj apud li staris la gaja infano. Ŝi apogis siajn rondajn braketojn sur liaj genuoj kaj rigardis lin senĉese.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Jakob Brunner levis la okulojn kaj rigardis ankoraŭfoje laŭlonge la vojon, sur kiu jus Barbanjo, la nepino de Manjo, estis foririnta. Li malfermis la buŝon, kvazaŭ li devus revoki ŝin... kaj revenus kun la aminda knabino parto de la tempo pasinta. — Sed la vojo estis senhoma... kaj la rememoro iris plue sur ĝi, ĉiam plue ĝis eknoktiĝo. Jen ĝi sonis ravege, arĝentsone ĝi halelujis sian kanton super la montojn kaj miksis sin kun la profunda silento de l' vilaĝo. Estis dolĉa, mistera sonoro, kaj poste ĉio ripozis.

*(Daŭrigota.)*



# Ĉu vi

*jam ekprovis por gajni la plej belan premion de nia Konkurso ekvarbante dek novajn abonojn?*

Serĉante la feliĉon, mi atendas ĝin sub la formo de ĉarma, sana, bonkaraktera, 20-22-jara edzino, kiu scias profesion kaj mastrumadon kaj posedas ĝeneralan klerecon. Doto estas dezirinda. Mi estas fraŭlo 30-jara, pentristo, sana, idealema. Skribu, aldonante ankaŭ vian fotografaĵon, al *Katolika Vivo,* sub la cifero A. P. 20, kiu bv. perados la leterojn. Nepra diskreteco kaj tuja resendo de la fotografaĵo estas honore garantiataj.

Kiu dezirus preni sur sin la taskon de abonperanto en Aŭstrujo? Tiu sin turnu tuj al la administracio de *Katolika Vivo,* kiu sendos klarigojn.

Katolika Esp,-Rondo deziras korespondi kun gesamideanoj el la tuta mondo. Skribu al S-ro Joz. Swoboda, ul. Pilsudzkiego, 7. en Nowa Wieŝ (Slask) Pollando.

Lertaj korespondantoj estas serĉataj en Pollando, Italujo, Aŭstrujo, Rumanujo, Portugalujo kaj multaj aliaj landoj por *Katolika Vivo.* Petu la kondiĉojn al la redakcio: 10, rue Pergolèse, Paris-XVI.





*organizu ponumeran vendadon de nia gazeto en via urbo!*



Tiucele ni sendas al unu sama adreso:

| | |
|---|---|
| 5 ekz. kontraŭ pago de fr. fk. | 5.— |
| 10 — — — — | 9.— |
| 25 — — — — | 20.— |
| 50 — — — — | 35.— |
| 100 — — — — | 60.— |

Sendu mendojn kune kun mono al nia Propagand-Oficejo: 10, rue Pergolèse, Paris-XVI. — Poŝta ĉekkonto: Ramboux Georges, Paris nº 281.40.

# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia




## Filio de la "Sankta-Bernardo" en Tibeto

Tutmonde konata estas la fama hospitalo Sankta-Bernardo, kiu kuŝas en la Alpoj sur la vojo de Orsières (Svislando) al Aósta (Italujo).

Kiam, en 962, sankta Bernardo de Menthon fondis tiun hospitalon, por helpi al la vojaĝantoj, la vojo estis tre malfacila kaj danĝera; la vojo ankaŭ estis la sola por iri al Italujo kaj sekve nepre uzota. Nun la aŭtomobiloj povas facile transveturi la intermonton de la Granda Sankta-Bernardo, je 2.472 metroj de alteco, dum je 1.500 metroj sub la tero transkuras la monton la trajnoj. Sekve la Hospitalo estas kvazaŭ nur turista rendevuo, kaj ĝi retrovas sian primitivan utilon nur dum la vintraj monatoj.

Tial la religiuloj de la Granda Sankta-Bernardo plurfoje pensis elmigri en pli danĝerplenan regionon. Sed kie? Ili atendis signon de la Providenco. Tiu okazis antaŭ du jaroj. La apostola vikario de la Tibeto, Msro Giraudot, korespondadis kun Msro de Guébriant, superulo de la Franca Societo por Eksterlandaj Misioj, por peti konsilon pri kio estus farota favore al la enloĝantoj de tiuj mizeraj regionoj. Ili kune pensis pri la fondo de hospitalo simila al tiu de la Granda Sankta-Bernardo kaj nature ili tuj memoris pri la regulaj kanonikoj de Sankta-Aŭgusteno, kiuj tie dejoras de post dek centjaroj. La ambaŭ prelatoj proponis do al la Abato de la Alpa moĥanejo krei filion en Tibeto.

Kompreneble la demando estis atente studota. Kaj du religiuloj foriris el la Granda Sankta-Bernardo, la 20 oktobro 1930, por esplori la regionon proponitan en Tibeto, por starigo de hospitalo simila al tiu en la Alpoj. PP. Melly kaj Coquoz, respektive 30-



Tibetana pilgrimanto

kaj 27-jara, kiuj ambaŭ estas svisoj, jus revenis, kunportantaj multajn interesajn dokumentojn kaj sciigojn pri la esplorita lando.

Enŝipiĝinte en Marseille, ili albordiĝis tri semajnoj poste, en Tonkinon. De Haïphong, kie ili aĉetis la necesaĵojn por ilia vojaĝo, ili trajne veturis al Yunnan. Tiu vojaĝo daŭris pli ol tri tagojn. De tie ili karavane iris al okcidento, kune kun Msro Baudry, apostola vikario de Ning Yung Fu, kiu, reveninte el Francujo, reiris al sia misiejo. Ili bezonis dek tagojn por transiri la 300 kilometran vojon, kiu kondukis ilin al Huilitchu, grava urbo de la provinco Se Tchouen, kie ili devis prepari la lastajn bezonitaĵojn.

Kiam ĉio estis preta, PP. Melly kaj Coquoz denove ekmarŝis, sed tiufoje al la sud-okcidenta direkto. Tiam la karavano konsistis nur el ok personoj: tri mulkondukistoj, tri pastroj el la Eksteraj Misioj, kaj la du Aŭgustenaj religiuloj. Post dudektaga marŝo la esploristoj atingis Weissi, ĉe la Mekong-rivero, kaj baldaŭ poste Tseku, kiu fariĝis la centra loko de iliaj esplorvojaĝoj en Tibeto.

Tseku kuŝas je 2.000 metroj de alteco; ĝi



Patro Melly en Tibeto

estas sufiĉe loĝata vilaĝo kaj estas loko tre frekventata de la komercistoj tibetanaj, ĥinaj kaj mongolaj. Tute proksime ekzistas multaj irejoj, kiuj dumvintre estas blokadataj per neĝo, sed kiuj tamen estas la solaj vojoj por la komunikoj inter tiuj diversaj regionoj.

La misio de la du religiuloj estis trovi la irejojn, kie fondo de hospitalo estas pli necesa kaj utila. Per ŝkioj ili supreniris la danĝeran montpasejon Sila, je 4.200 metroj altan, kaj tute kovrata de neĝo. La unua provo malsukcesis pro la malbona vetero kaj ili devis reveni al la forira loko. La duan fojon ili sukcese atingis la celon, sed post multaj penoj kaj suferoj. Kaj ili malsupreniris en la Selouen-valon, de kie ili veturis denove al Eŭropo. La tuta vojaĝo konsistis el ses tagoj en vagonaro, mil kilometroj piede aŭ ŝkie iritaj, 2.500 kilometroj ĉevale kaj ok noktoj pasitaj en la neĝo sub la libera ĉielo.

Pere de ilia esploro PP. Melly kaj Coquoz konvinkiĝis ke estas eble konstrui hospitalon por la vojaĝantoj en Tibeto. ĉu ĉe la irejo de Sila, je 4.200 metroj alta, ĉu ĉe la irejo de Latza, je 3.900 metroj alta. Ili ja estas transirataj de multaj komercistoj kaj ĉiuspecaj vojaĝantoj, sed ankaŭ de Tibetanaj pilgrimantoj, kiuj rigardas tiun montaron kiel sanktajo kaj kiuj riskas ofte sian vivon por obei siajn religiajn sentojn. Hospitalo estas do konstruota en Tibeto de la religiuloj de la Granda Sankta-Bernardo, kiuj tie ankaŭ estos la providenco de la vojaĝantoj.

Géo-Ch. Veran.

## PENSO

Tro multnombraj estas la katolikaj esperantistoj kiuj, kiam oni proponas al ili, aboni *Katolika Vivo*'n, kapskuas, balbutas kaj fine deklaras, kiel malriĉaj kaj okupitaj ili estas.

Ofte ili frivole malŝparas monon por plezuroj, sed ili ne havas monon por sukcese helpi al la praktika enkonduko de Esperanto en la katolika internacia movado. Ili ne kapablas fari la plej malgrandan ekonomian oferon por aboni nian gazeton tamen nepran.

Vi, kiuj estas konvinkitaj pri la graveco de nia gazeto por la disvastigo de Esperanto en la katolikaj medioj seriozaj, senĉese varbu ĉirkaŭ vi kaj haltu nur kiam vi estos abonigintaj ĉiujn katolikajn esperantistojn de vi konatajn.

La varb-konkurso instigu vin al grandskala propagando!

## ALVOKO

### de la Kardinaloj kaj Ĉefepiskopoj de Francujo por la internacia kaj socia paco

Post ĝia kunveno en Parizo, la 14 oktobro 1931, la Konstanta Komisiono de la kardinaloj kaj ĉefepiskopoj de Francujo publikigis jenan deklaron.

« Por kunlabori al la paca verko, kiun persiste daŭras la Suverena Pontifiko, la kunvenantaro de la kardinaloj kaj ĉefepiskopoj de Francujo esprimas la deziron, ke tiuj, kiuj partoprenas en la Katolika Agado, profunde konvikiĝu per la propra karaktero de la paco de Kristo, kiu esence estas universala, kaj ke sekve:

a) Sur la internacia tereno, ili sammezure staru for de troa naciismo kaj de troa pacifismo; alivorte ke, restante fidelaj al patriotismo kiel al sankta devo, ili laboras, en la respekto de mutuaj rajtoj, por starigi fratan kunlaboron inter la popoloj, kunlaboron inspiratan de la kristanaj justeco kaj karitato.

b) Sur la nacia tereno, ke ili restu fremdaj al ia ajn partia politiko, kiu al ili kaŝas la komunan komforton kaj riskas ilin oferi ĝin por interesoj de klaso aŭ ideo.

c) Sur la socia tereno, ke ili malaprobu la klasbatalon kaj klopodu, sub la inspiro de la justeco kaj karitato, inciti, laŭ la papaj direktivoj, la kunlaboron de la diversaj elementoj de la profesio. »

## Letero el Hungarujo

**Por la malaperigo de la mizero**

Nia Patrino la Katolika Eklezio prizorgas ne nur la transteran sed ankaŭ la surteran vivon de sia fidelularo. Tion pruvas la nun aperinta paŝtista letero de Lia Kardinala Moŝto D-ro Justiniano Serédi, hungara princprimato, en kiu li ordonas, ke en ĉiu eparĥio oni devas fondi la tiel nomatan « Karitatorganon », kies devo estos la prizorgo de malriĉuloj. La anoj de tiu ĉi organo havos la taskon persone viziti la mizerulojn, ke la donacojn efektive, tiuj ricevu, kiuj bezonas.

Krom tio, ĉiu paroĥo komencu kolektadon por la malriĉuloj, ne nur monan, sed ankaŭ de nutraĵoj, vestaĵoj kaj hejt-materialaĵoj.

Cetere Lia Kardinala Moŝto diras:

« Miaj karegaj gefideluloj en Kristo! Efektive estas bedaŭrinda fakto, ke nuntempe kelkaj nepripensemaj homoj kaj gazetoj preskaŭ tago post tago timigas kaj malkvietigas la homan societon per teruraj ekonomiaj famoj. Ke minacas nin la mortmalsato... kvankam ili bone scias, ke — dankon al Dio — en nia patrujo pri tio ni ne devas timi. Anstataŭ tio ilia devo estus, la jam sufiĉe ekscititajn animojn trankviligi.

« Sendube estas, ke pro la ĝenerala ekonomia kaj financa situacio kaj pro la nekontentiga rikoltado ni malfacilan vintron atendas; sed tamen la situacio ne estas tiam senespera, kiel tion kelkuloj pensas kaj diras. Ĉar parte per komuua kaj privat-laboroj estos eble malfortigi la senlaborecon; kaj parte la eklezia kaj monda tiel nomata « mizeragadoj » prizorgos tiujn malriĉulojn, kiuj pro malsano aŭ aliaj kaŭzoj ne kapablas perlabori.

« Mi petas vin, mia karega kredularo, ke el tiu ĉi karitatlaboro celanta malaperigi la mizeron, ĉiu laŭ sia stato elprenu sian parton. Estu tiu ĉi « mizeragado » vera karitatagado. Montru ni fine, ke ni amas unu la alian! Ni ne forgesu, ke la Dio kreditas tiun, kiu kompatas la malriĉulon, ĉar al Kristo mem donas tiu, kiu donacas al malriĉulo. Ni klopodu bonfari ĝis tiam, ĝis kiam estas eble, ĉar kiu ne volas bonfari kiam estas por tio okazo, tiu ne povos bonfari tiam, kiam *li* volas.

« Fine al vi mi parolas, niaj karegaj malriĉuloj, kiujn sankta Laŭrencio nomis trezoroj de la Eklezio. Vi, kiuj ne pro viaj kulpoj portadas la malfacilegan sorton — ne pensu ke viaj homfratoj vivantaj en pli favora situacio ne komprenas vin, ne kunsentas kun vi, aŭ ne volas vin helpi. Ni volas ĉion fari, kio estas eble! Kredu min, ke ĵus tio doloras al mi pleje, ke pro niaj devigaj ŝarĝoj ni ne povas vin tiel helpi, kiel ni tion ŝatus. Akceptu do kun amo tion, kion ni en nia malriĉeco povas doni. Rekompence preĝu vi kune kun ni, por nia patrujo, ke la bona Dio forigu de ni la merititan punon. Sed tion ni plenfide nur tiam povos esperi, se ni ĉiuj en la privata, familia kaj individua vivo reiros al Li.

« La 700-jara heroino de la homa karitato, sankta Elizabeto direktu nian karitatagadon. »

**Episkopa konferenco**

La 14 oktobro kunvenis la hungara episkoparo katolika — latina kaj grekrita — en la princprimata palaco en Buda por okazigi la kutimatan aŭtunan pritraktadon, en kiu partoprenis ĉiuj ĉefepiskopoj kaj episkopoj de Hungarujo. Nur mankis grekrita Episkopo Stefano Miklosy, el Hajdudowg, pro malbona sanstato.

La konferenco je la 9-a horo komenciĝis, sub la prezido de Lia Kardinala Moŝto D-ro Justiniano Serédi, kaj la notarlibron skribis Johano Drahoŝ, prelato-kanoniko el Esztergom.

Heleno Fiedler.

## El malantaŭ la ruĝa limo

**Teruriga statistiko**

La franclingva revuo *L'Animateur des Temps Nouveaux* (La Instiganto de la Novaj Tempoj), el Parizo, publikigis, en sia numero de la 23 oktobro, jenan statistikon te-



rurigan, kiu sciigas al la tuta mondo, ke de la jaro 1917 ĝis la jaro 1929, la Unuiĝo de la Socialistaj kaj Sovetaj Respublikoj mortigis unu miliono 765.065 personojn, el kiuj estis 25 episkopoj, 1.215 pastroj, 6.750 profesoroj kaj instruistoj, 8.800 kuracistoj, 54.850 oficiroj, 12.680 soldatoj, 10.500 policanoj, 48.000 ĝendarmoj, 12.850 oficistoj, 350.250 intelektuloj, 15.000 kampkulturistoj kaj 192.000 laboristoj.

Vera barbarlando!

## Propagandu ĉien nian gazeton